

# La Amsterdama Katedro

**Informilo pri agadoj rekte ligitaj al la katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo.**

Kompilas: Wim Jansen (WJ)
Aperas: en januaro, majo kaj septembro
Kiel: PDF-dosiero alkroĉita al retcirkulero
Reagu al: wimjansen@casema.nl

Numero (23) 3/2013, septembro 2013

*La Amsterdama Katedro* estas kvarmonata retbulteno, kiu informas pri ĉiuj agadoj, rekte ligitaj al la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto ĉe la Universitato de Amsterdamo (UvA). Por la estraroj de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) kaj de la LA de UEA *Esperanto Nederland* ĝi estas kvazaŭ perioda raporto pri la stato de institucio, kiun ili kune financas. La bulteno direktas sin al ĉiuj interesitoj en la Esperanto-movado, kiuj trovu en la enhavo stimulon por diskonigi la ekziston kaj la rolon de la katedro, kaj ideojn por sia propra informado pri Esperanto. Ĉi tiu lasta numero estis aktualigita la 1-an de septembro 2013 kompare kun la eldono (22) 2/2013 de la 16-a de majo 2013.

## Instruado de Esperanto

La duasemestra kurso de Esperanto okazis de la 5-a de februaro ĝis la 21-a de marto 2013, kaj la ekzamenoj la 26-an de februaro kaj la 28-an de marto. Aliĝis al tiu ĉi kurso 20 studentoj, el kiuj 14 sukcesis post la dua ekzameno. La riparekzameno por la ses nesukcesintoj okazis la 28-an de majo. Tri kandidatoj sukcesis, tiel ke fine 17 el 20 registritoj akiris sufiĉan noton.

Pro la longeco de la proceduro inter la rekomendo kaj la efektiva nomumo de mia post-sekvanto, UvA petis de mi, ĉu mi estas preta gvidi kurson dum la unua semestro de la studjaro 2013–2014. Mi akceptis la proponon kaj gvidos Esperanto-kurson dum la dua bloko de la semestro de la fino de oktobro ĝis Kristnasko. Mi faros tion sub la sponsorado de UEA. En tiu ĉi momento estas registritaj 18 studentoj.

## Aktualaĵoj

- Dank' al subteno de la asocio *Esperanto Nederland*, kunfinancanto de la katedro, publi-kiĝis ĝis nun la sekvantaj tri dokumentoj en limigitaj eldonkvantoj:

    1. *Enkonduko en la interlingvistikon*. Lernolibro akompananta la elektokurson pri interlingvistiko. Akademia jaro 2012–2013. Bindita memorlibro, FGW-13-105218036.
    2. *Esperanto*. Gramatika gvidlibro akompananta la elektokurson pri Esperanto kaj la lernolibron *Esperanto via de directe methode*. Akademia jaro 2012–2013. Bindita memorlibro, FGW-13-105218022.
    3. *Administraj mejloŝtonoj de la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto, 2002–2013*. Broŝurita kolekto de dokumentoj.

Post la distribuo de tiu ĉi lasta novaĵbulteno aperos, kiel kvara volumo, *Novaĵbultenoj kaj malgrandaj publikigoj de la speciala katedro pri Interlingvistiko kaj Esperanto, 2002–2013*. Broŝurita kolekto de dokumentoj. Antaŭvideble ĝi estos distribuita en la komenco de oktobro.

Favore al pli ĝenerala kompreno mi donis ĉi-supre la titolojn en Esperanto. La dokumentoj 1 kaj 2 estas tute nederlandlingvaj. La dokumento 3 estas grandparte nederlandlingva, kun nederlande-Esperante dulingvaj antaŭparolo, enhavtabelo kaj ĉapitraj enkondukoj. La kvara dokumento estos grandparte Esperantlingva, kun fragmentoj en la nederlanda kaj angla lingvoj. Ankaŭ en ĝi, la antaŭparolo, enhavtabeloj kaj ĉapitraj resumoj estos dulingvaj.

Ĉiu ero el la supre menciita listo estis/estos sendita al malgranda rondo da personoj, rekte ligitaj al la katedro, kaj al kelkaj Esperanto-bibliotekoj/arkivoj (IEI, UEA, GIL, Aŭstra Nacia Biblioteko, Germana E-Biblioteko, Esperanto Nederland). Kiam la kvaropo estos kompleta, ĝi estos deponita ankaŭ ĉe la Reĝa Biblioteko en Hago kaj ĉe la Internacia Instituto pri Socia Historio en Amsterdamo. Pri eventuala rezerva stoko decidos la asocio *Esperanto Nederland*.

- La prelego de la 8-a de junio, kune kun Nikola Rašić, dum la t.n. lingvotago de la asocio de interpretistoj *Tolken Select* ne okazis pro nuliĝo de la tuta evento sekve al manko de sufiĉa nombro da partoprenantoj.

- La prelego de la 9-a de junio antaŭ la Amsterdama esperantista grupo pri kelkaj interesaj kaj foje amuzaj aspektoj de la instruado de Esperanto dum mia deĵorado en UvA kiel katedrulo estis ŝovita al la 14-a de julio. Antaŭ dudeko da interesitoj mi parolis pri la instruado de Esperanto, la plej oftaj demandoj kaj kritikoj lanĉitaj de la studentoj kaj kelkaj okulfrapaj eraroj, kiujn ili persiste faris en la lingvo.

- Dum kunveno, kiun mi havis kun la rekomendita katedra postsekvanto Federico Gobbo, la 9-an de aŭgusto, estis diskutitaj planoj por lia venigo al Amsterdamo, okaze de la Adiaŭa Parolado, kaj por lia partoprenigo en la aranĝo de EAB, la brita LA de UEA, kune kun la universitato de Liverpolo, en Liverpolo, de la 16-a ĝis la 18-a de oktobro, en kiu WJ gastprelegos por la tria fojo rememorige pri la mecenato-esperantisto John Buchanan. Ankaŭ la ĝenerala katedra laboro estis priparolita, pli emfaze la preparo fare de Gobbo de programo por la dua semestro de 2013–2014.

- Dum duhora telefonkonferenco inter Kees Hengeveld, Marc Bavant kaj WJ, la 26-an de aŭgusto, estis decidita la definitiva redaktaĵo de la disertacia manuskripto, kiu estos sendita al la doktoriga komisiono. Per tiu ĉi sia franclingva esplordokumento, kies titolo estas *Résultatif, diathèse et possession en basque, vieux perse et élamite*, Marc esperas doktoriĝi, verŝajne iam inter februaro kaj aprilo 2014. Marc estis allasita al la doktoriga kariero ĉe UvA i.a. dank' al sia diplomiĝo en la Esperantlingvaj interlingvistikaj studoj en la universitato de Poznań.

- Ateliero en Vieno, la 5-an kaj 6-an de septembro 2013. La proponita enhava kontribuo pri Esperanto, detale citita en la maja numero, estis aprobita post kelkaj klarigoj. La unua malneto de la teksto de la prelego, 'An FDG approach to derivation and compounding in Esperanto', estis liverita antaŭ la limdato (1-a de aprilo) por juĝlegigo kaj aprobo por definitiva submeto. La komentoj de du juĝlegantoj alvenis meze de junio

kaj la definitiva diskutteksto estis liverita al la organizantoj la 6-an de aŭgusto. Informojn pri la ateliero vi trovu en la retejo: http://fdg-workshop.univie.ac.at/.

- La publike alirebla Adiaŭa Parolado okazos la 27-an de septembro en la festsalono de Agnietenkapel, Oudezijds Voorburgwal 229–231, Amsterdam. La ĉeestantoj ricevos donace la tekstlibreton kaj kroman Esperanto-suveniron. Dank' al financa helpo de Internacia Esperanto-Instituto (IEI) povos aperi en digna vesto la teksto de la Adiaŭa Parolado, kies titolo estas *Natuurlijke evolutie en leergemak. Aspecten van verandering in het Esperanto* [*Natura evoluado kaj lernfacileco. Aspektoj de ŝanĝoj en Esperanto*]. La asocio Esperanto Nederland senpage disponigis sian ISBN 978-90-803226-0-8 al la eldonaĵo.

## La historio, iel resumita

### Instrurendimento

Kion alportis la katedro, se ni mezuras ĝian rendimenton laŭ la kriterio de kon-transdono? Ni rigardu la statistikon de la pasintaj 11 akademiaj jaroj:

| Kioma jaro | Akademia jaro | Nombro da studentoj en: Interlingvistiko | Esperanto |
|---|---|---|---|
| 1 | 2002-2003 | 2 | - |
| 2 | 2003-2004 | 5 | - |
| 3 | 2004-2005 | 4 | - |
| 4 | 2005-2006 | 6 | - |
| 5 | 2006-2007 | 11 | 9 |
| 6 | 2007-2008 | 15 | 11 |
| 7 | 2008-2009 | 14 | 14 |
| 8 | 2009-2010 | 15 | 15 |
| 9 | 2010-2011 | 7 | 17 |
| 10 | 2011-2012 | 13 | 23 |
| 11 | 2012-2013 | 15 | 17 |
| Sume en 11 akademiaj jaroj (18 kursoj) | | 107 | 106 |

La totala nombro da ekzamenitoj estas 107 + 106 = 213. Iom post iom estiĝis firma bazo por po ~15 studentoj pri interlingvistiko kaj Esperanto ĉiujare. Tiu nombro stabiliĝis sen bezono de plua reklamado post la lasta studentvarbilo, distribuita antaŭ la akademia jaro 2007–2008. Oni povus diri, ke en tiu momento la katedro estis establita fakto.

### Publikigorendimento

Kion alportis la katedro, se ni mezuras ĝian rendimenton laŭ la kriterio de esplorrezultoj? Ni rigardu la statistikon de la pasintaj 11 akademiaj jaroj:

### Libroj (1) kaj kurslibroj (2)

1. *Woordvolgorde in het Esperanto* [*La vortordo en Esperanto*]. Utrecht. LOT. 2007. Doktora disertacio nederlandlingva kun resumoj en la angla, germana kaj Esperanto.

2. *Enkonduko en la interlingvistikon*. Lernolibro akompananta la elektokurson pri interlingvistiko. Lasta eldono por la akademia jaro 2012–2013. Eldonita de UvA Readers On-Line sub la fakultata kodo FGW-13-105218036. Nederlandlingva.

3. *Esperanto*. Gramatika gvidlibro akompananta la elektokurson pri Esperanto kaj la lernolibron *Esperanto via de directe methode*. Lasta eldono por la akademia jaro 2012–2013. Eldonita de UvA Readers On-Line sub la fakultata kodo FGW-13-105218022. Nederlandlingva.

**Libroĉapitroj (3)**

1. 'La Fundamenta Esperanto: nekontesteble eŭropa, sed...' en: Blanke, Detlev & Ulrich Lins (red.) *La arto labori kune*. Festlibro por Humphrey Tonkin: p. 271–284. Rotterdam. UEA. 2010. Esperantlingva.

2. '331 kapvortoj de pruntaĵoj el la nederlanda al la eŭska (100) kaj al Esperanto (231), inkluzive de enkondukaj priskriboj de la eŭska kaj Esperanto' en: Van der Sijs, Nicoline *Nederlandse woorden wereldwijd* [*Nederlandaj vortoj tutmonde*]: p. 51–52, 68, 163–723. Hago. Sdu. 2010. Nederlandlingva.

3. 'Niederländisch-Deutsch-Esperanto. Eine Kette, die verbindet' en: Brosch, Cyril & Sabine Fiedler (red.) *Florilegium Interlinguisticum*. Festlibro por Detlev Blanke: p. 107–126. Frankfurt am Main. Peter Lang. 2011. Germanlingva.

**Libretoj, broŝuroj (3)**

1. *Naturaj Vortordoj en Esperanto*. Rotterdam. UEA. 2008. Esperantlingva.

2. *Esperanto, een taal om van te houden* [*Esperanto, lingvo aminda*]. Amsterdam. AUP. 2009. Teksto de la nederlandlingva Inaŭgura Parolado.

3. *Natuurlijke evolutie en leergemak. Aspecten van verandering in het Esperanto* [*Natura evoluado kaj lernfacileco. Aspektoj de ŝanĝoj en Esperanto*]. 2013. Teksto de la nederlandlingva Adiaŭa Parolado.

**Sciencaj artikoloj (9)**

1. 'Das Niederländische im Kontext der europäischen Sprachenpolitik [La nederlanda en la eŭropa lingvopolitiko]' en: Blanke, Detlev & Jürgen Scharnhorst (red.) *Sprachenpolitik und Sprachkultur*: p. 121–137. Frankfurt am Main, Peter Lang, 2007. Germanlingva.

2. 'Wortstellungsmodelle im ursprünglichen und im heutigen Esperanto - Zeugen einer natürlichen Entwicklung der Syntax? [Vortordomodeloj en fruaj kaj nuntempaj tekstoj de Esperanto - Ĉu atestantoj de natura evoluado en la sintakso?]' en: Blanke, Detlev (red.) *Esperanto heute. Wie aus einem Projekt eine Sprache wurde*, p. 15–26. Berlin. GIL. 2007. Germanlingva.

3. ‘Baskisch und Esperanto: ein Strukturvergleich [La eŭska kaj Esperanto: struktura komparo]’ en: Fiedler, Sabine (red.) *Esperanto und andere Sprachen im Vergleich* [*Esperanto komparata kun aliaj lingvoj*]: p. 33–54. Berlin. GIL. 2009. Germanlingva.

4. ‘Pri la natureco de vortordoj en Esperanto’ en: A.S. Mel’nikov (red.) *Current Problems in Linguistics*: p. 106–111. Rostov-apud-Don. Federacia Agentejo pri Publika Instruado. 2009. Esperantlingva.

5. ‘Esperanto: a language made transparent?’ En Hengeveld, Kees (red.) *Transparency in functional discourse grammar*. http://linguisticsinamsterdam.nl/aclc/04/nr02/a03. 2011. Anglalingva.

6. ‘The learnability of the reflexive in Esperanto.’ En: http://linguisticsinamsterdam.nl/aclc/05/nr01/a02. 2012. Anglalingva.

7. Radikoj kaj vortoj en Esperanto. En *Esperantologio. Esperanto Studies* 6. 9–43. 2013. Esperantlingva.

8. The learnability of the reflexive in Esperanto. En *Esperantologio. Esperanto Studies* 6. 71–96. 2013. Anglalingva kun Esperanta enkonduko.

9. Esperanto parts of speech in functional discourse grammar. En *Linguistics* 51(3). 611–652. 2013. Anglalingva.

**Recenzoj (5)**

1. ‘Studoj pri interlingvistiko/Studien zur Interlinguistik’ en *Language Problems & Language Planning*, vol. 27, num. 3, 2003: 279–289. Recenzo de la Festlibro por Detlev Blanke ‘Studoj pri interlingvistiko/Studien zur Interlinguistik’ redaktita de Fiedler, Sabine & Liu Haitao. Dobřichovice apud Prago, Kava-Pech, 2001. Anglalingva.

2. ‘Farita profesie – kaj enhave kaj aspekte’ en *Esperanto*, vol. 99, num. 1192(5), 2006: 111–112. Recenzo de la libro *Symposium on Communication Across Cultural Boundaries* de Kiselman, Christer. Dobřichovice apud Prago, Kava-Pech, 2005. Esperantlingva.

3. ‘Een wereldtaal. De geschiedenis van het Esperanto [Mondlingvo. La historio de Esperanto]’ en *Language Problems & Language Planning*, vol. 30, num. 1, 2006: 89–92. Recenzo de la nederlandlingva libro *Een wereldtaal. De geschiedenis van het Esperanto* de Van Oostendorp, Marc. Amsterdam, Athenaeum – Polak & Van Gennep, 2004. Germanlingva.

4. ‘Esenca lernolibro de la itala lingvo’ en *Language Problems & Language Planning* vol. 32, num. 1, 2008: 64–66. Recenzo de *Esenca lernolibro de la itala lingvo* de Mezzadri, Marco (Perugia, Guerra Edizioni, 2006). Itallingva.

5. ‘Majstra riĉigo de la esperantologia literaturo’ en *Beletra Almanako* 6(14), 2012: 141–145. Recenzo de *Historia Vortaro de Esperanto 1887–1888* de Neves, Gonçalo. Esperantlingva.

**Popularsciencaj artikoloj (4)**

1. ‘Esperanto’ en *Neerlandia*, 2004/4: 31–33. Nederlandlingva.

2. ‘Esperanto – een taal zonder vandalen [Esperanto – lingvo sen vandaloj]’ en *Linguaan*, 2004/9: 27. Nederlandlingva.

3. ‘Esperanto. Spiltaal in een meertalige omgeving [Esperanto. Pivota lingvo en mult-lingva medio]’ en *Linguaan*, 2005/4: 8–11. Nederlandlingva.

4. ‘Pri kelkaj malfacilaĵoj en Esperanto’ en *Internacia Pedagogia Revuo* 42(12/2), 2012: 25–30. Esperantlingva.

**Publikigolingvoj**

La 27 publikigoj montras jenan lingvodistribuon: nederlanda 9, Esperanto 7, germana 5, angla 5, itala 1, kiu reprezentas belan interlingvistikan tradicion de plurlingveco kaj okulfrape distingas sin de la ĝenerala lingvistika literaturo, kiu estas fortege dominata de la angla.

## Postparole

Supre montriĝis, ke dum mia deĵorperiodo de 11 jaroj ekzameniĝis 213 studentoj (sume en interlingvistiko kaj Esperanto). Estas malfacile paroli pri la instrurendimento de la katedro. Unue mankas al mi ciferoj pri aliaj kursoj en Nederlando (se tiaj entute okazis…). Krome, la instruado komenciĝis ĉe nulo, sen utiligeblaj sperto aŭ tradicio. La fakultato estis tre kontenta pri la ĉiujara alfluo, kiu komenciĝis ĉe nuraj 2 studentoj en 2002–2003, kaj mi mem kontentis pri la meza kaj konstanta nombro de po 15 studentoj en la kursoj de la lastaj jaroj, kiuj alfluis sen bezono de ia reklamado miaflanka. Finfine do ekzameniĝis 213 gejunuloj, kiuj eble iam apartenos al la intelekta elito de nia socio, kiuj detale kaj objektive informiĝis pri la aspiroj de la esperantistoj, konatiĝis kun aspektoj de la lingvoproblemo, pri kiuj ili ĝis tiam estis analfabetoj, kaj konatiĝis kun la sola funkcianta planlingvo Esperanto, ludis per ĝi en aro da demonstraj lecionoj kaj atelieroj (kun dekoj da pliaj, neregistritaj partoprenintoj) kaj lernis ĝin en intensivaj kursoj.

Por meti la alian rendimenton, tiun de la publikigoj, en pli facile kompreneblan perspektivon, mi proponas transformi mian parttempan, tridekprocentan en hipoteze plentempan deĵoron. Tia normaligo kondukas al 3,3 ekvivalentaj jaroj, dum kiuj mi produktis tri libroformatajn publikigojn (t.e. po 1 en ĉiu ekvivalenta jaro); dudek broŝurformatajn librojn, libroĉapitrojn, sciencajn artikolojn kaj ampleksajn recenzojn (po 6 en ĉiu ekvivalenta jaro); aldone al kvar popularsciencaj verkaĵoj kaj aro da ĉi tie ne listigitaj malgrandaĵoj. Eble tio donas pli klaran bildon ol la produktosumo en 11 parttempaj jaroj, des pli ĉar — kontraŭe al la studenta nombro, kiu estas ĉiukursa sendependenda variablo — estas facile akcepti ian proporciecon inter la nombro da publikigoj kaj la deĵordaŭro. Tiom pri la kvanto. Devus esti facile por ĉiu movadano, konvinkiĝi pri tio, ke parttempa katedro povas liveri tute akcepteblajn rendimentojn, tiel en la kampo de la instruado, kiel en la kampo de la sciencaj esploroj.

Oni povus kontraŭargumenti, ke gravas ne la kvanto, sed la kvalito. Kontribuinto al diskuto pri la katedro en *Libera Folio* skribis la 13-an de novembro 2012, ke "certe estas belaj lingvistikaj tekstoj en la listo de publikaĵoj [...]. Sed tiuj temoj estas fakte tre proksimaj al aliaj tekstoj verkitaj de multaj aliaj esperantlingvaj sciencistoj en la mondo." La leterskribinto prave atentigis pri risko, kaj la atentigo estas nepre respondinda. Mi nun havas la okazon, tion fari. Eĉ se la temoj ŝajnas "proksimaj al aliaj tekstoj", unuavice la plej gravaj el ili aperis nur post kiam ili estis juĝlegitaj kaj aprobitaj de neesperantistaj lingvistoj en profesia lingvistika medio; duavice ili estas verkaĵoj pri Esperanto el ĝenerala lingvistika perspektivo, ne el facile atakebla esperantista vidpunkto; triavice, la proksimeco al aliaj tekstoj estas verdire nur ŝajna. Miaj temoj estis elektitaj kun la klaraj celoj: 1) doni *originalan* kontribuon al la esperantologio — ni diru, de ekster la E-komunumo, kiu ja havas siajn proprajn antaŭjuĝojn, kaj sur la bazo de ĝenerallingvistika teorio; 2) formuli ĉiun kontribuon tiel, ke ĝi estu rekte aplikebla al la instruado de la lingvo, forprenante de ĝi mitojn, kiuj estus absolute nedefendeblaj en profesiaj lingvoinstruaj rondoj ekster la Esperanto-komunumo. Tiel mi verkis pri la vortordo kaj argumentis surbaze de observoj en la parolantaro kaj de literaturaj esploroj, ke ekzistas fiksita baza vortordo en Esperanto kaj ke devioj for de ĝi estas pravigeblaj laŭ leĝoj, kiuj regas en naturaj lingvoj. Ĉi tiuj rezultoj senmaskigas la miton de la absolute libera vortordo, kiu ripetiĝas en multaj ne tre profesie verkitaj lernolibroj. Tiel mi verkis ankaŭ pri la senkategorieco de la radikoj, kiu estas pli bone defendebla priskribmaniero, pli kongrua kun la reguleco de la

lingvo, ol la kategoria disdivido. Tiel mi elektis verki ankaŭ pri la malfacileco de la poseda refleksivo, de la verba valento kaj de la akuzativo, ne argumentante kiel facile pardonema esperantisto, sed el la perspektivo de ĝenerallingvistika teorio, kiu klarigas *kial* tiuj temoj stumbligas multajn esperantistojn. Ankaŭ tio povus helpi aŭtorojn verki pli bonajn lernilojn. Ĉiuj miaj verkoj estas publike haveblaj — kaj pere de miaj novaĵleteroj *La Amsterdama Katedro* oni ankaŭ scias, kie. Ili krome aperis en iu formo en pluraj prelegoj antaŭ esperantista publiko, en la skriba Esperantlingva gazetaro kaj/aŭ estas afiŝitaj en www.edukado.net. Tiom pri la kvalito. Mi certe strebis al kvalito, verkis nenion sen juĝlegantoj kaj disponigis ĉion al nia diligenta kolegaro por libera diskutado. Ĉu mi atingis la kvalitnivelon, kiun oni atendis de mi en mia pozicio, ne estas mia tasko juĝi pri tio.

Mi plenumis tiun mian laboron kontraŭ malneta, impostebla hora kompenso (ekskluzive de la repago de miaj lokaj vojaĝokostoj) de € 15,13 — kiu sumo, jam en 2002, estis je 23% malpli alta ol ĉe la plej avare paganta vespera lernejo en la regiono, en kiu mi instruis la italan kaj germanan lingvojn al komencantoj, kaj je 43% malpli ol ĉe la prestiĝa kultura asocio *Dante Alighieri*, en kiu mia edzino instruis. Ĉar la katedra kompenso restis la sama dum 11 jaroj, la malfavora diferenco kun *Dante Alighieri* kiel komparebla labordonanto de parttempaj postenoj kreskis al 71%. Mi akceptis la kondiĉojn en 2002, ne plendis tiam kaj ne plendas nun, sed per tiu ĉi unufoja elpaŝo volas silentigi, unu fojon por ĉiam, ĉian kompatindan lamentadon en iuj rondoj de la movado pri la kosto de la katedro kaj la mono 'disipita' por ĝi. Kiu domaĝas la ĝis nun pagitan honorarion, blindas antaŭ la fakto, ke temis pri poŝmono. Kiu plu pretendas, ke en la plej alta profesia medio de instruado kaj scienca esplorado oni laboru por Esperanto volontule, tiu ne nur preteratentas la fakton, ke ĝuste volontulan poŝmonon mi ricevis; tiu vivas ekster la reala mondo.

## Danke

'Regis' la specialan katedron tri kuratoroj: po unu reprezentanto de la universitato, de la fakultato kaj de la movada sponsoro. Ĉiu el ili meritas apartan mencion. Kees Hengeveld, profesoro pri teoria lingvistiko, reprezentis kaj plu reprezentas la fakultaton, en kiu nia katedro rezidas. Li havas grandan sciencan interesiĝon pri Esperanto kaj senrezerve subtenis la katedron de la komenco ĝis la fino, stimulante min, ke mi prezentu la lingvon en plej diversaj profesiaj medioj. Durk Gorter, profesoro pri la frisa lingvo, reprezentis la universitaton. Lia rolo estis malpli elstara. Post longa silentado, verŝajne kaŭzita de rankoro pro mia 'nelojala' argumentado kontraŭ la doktorigo de unu lia kandidato, li eksiĝis el la kuratoraro en 2012. Anstataŭis lin Arjen Versloot, profesoro pri ĝermanaj lingvoj. La movada sponsoro IEI estis reprezentata de Hans Erasmus, deorigina motoro de la katedro, kiu reprezentis la interesojn de la movado ĝis mia foriro en 2013. Jam en 2012 UEA, transprenonte de IEI la katedran responson, nomumis Nikola Rašić sia kuratoro por la posta periodo de 2013 al 2018. Por multaj legantoj de tiu ĉi plej lasta kaj iom neordinara novaĵletero estos malfacile kompreni, kiom da personoj ene de la universitata organizaĵo kunlaboris, por ke tiu nia liliputa speciala katedro povu elkreski de nura nomŝildo en 2002 al ĝenerale konata instanco de instruado kaj esplorado en 2013, respektata inter la docentoj kaj popularа inter studentoj. Ĉiuj el ili meritas pro tio sinceran dankon, ne nur mian, sed tiun de la tuta Esperanto-komunumo, en kies intereso finfine ĉio okazis.

Ekde la kreo de la katedro en la naŭdekaj jaroj, la fondaĵo *Esperanto bij het Onderwijs* 'Esperanto en la Instruado' estis la oficiala sponsoro. En 2004 ĝi kunfandiĝis kun Internacia Esperanto-Instituto (IEI), kiu sekve transprenis la katedran responson. Dum multaj jaroj ĝis la fino de mia mandato la Landa Asocio de UEA, *Esperanto Nederland*, kontribuis al la financado de la katedro kovrante la duonon de la ĉiujara kosto. Ĉiuj estraranoj kaj aliaj aktivuloj en la tri organizaĵoj, kiuj stimulis la vivon kaj pluvivigon de la katedro, meritas la plej sinceran dankon. Apartan personan mencion meritas Atilio Orellana Rojas, kiu dum ĉiuj kursoj pri interlingvistiko ĝis sia foriro el Nederlando aranĝis demonstran Cseh-metodan lecionon kaj krome regule aktoris en Esperanto-atelieroj laŭ invito de la studenta asocio pri lingvistiko. En mia lasta instrujaro Katalin Kováts transprenis tiun rolon. Ambaŭ ĉiam rikoltis grandan entuziasmon ĉe la studentoj kaj kontribuis al kreo de etoso de estimo por Esperanto kiel funkcianta, efika kaj lerninda lingvo. La atelieroj certe helpis garantii regulan alfluadon de studentoj al la kursoj.

Parolante pri nia *diligenta kolegaro*, nepre dankindaj estas krome, kaj en absolute sensistema vicordo, la stabanoj de la Centra Oficejo de UEA kaj membroj de la Esperanto-kluboj de Antverpeno kaj Lille, kiuj pacience submetis sin al miaj enketoj en la kadro de miaj disertaciaj esploroj pri la Esperanta sintakso; la funkciuloj de CED kaj ESF, kiuj helpis realigi la simpoziojn en 2002 kaj 2003 kaj la grandan instruistan konferencon en 2008; la estraranoj kaj membroj de la *Gesellschaft für Interlinguistik* (GIL), kiuj donis al mi ne nur podion por miaj fakaj prelegoj en Berlino, sed ankaŭ stimulon daŭrigi ĝis la fino; la reprezentantoj de la brita Esperanto-asocio EAB, kiuj tiom klopodis por starigi firman kunlaboron inter nia amsterdama katedro kaj la universitato de Liverpolo; la stabanoj de la Esperanto-Muzeo de Vieno, kiuj tiom helpis min en la elarkivigo de valoraj historiaj dokumentoj; la aktivuloj en lokaj kluboj, kiuj invitis min prelegi antaŭ iliaj membroj; kaj ĉiuj aliaj esperantistoj, kiuj per sia bonkora interesiĝo subtenis mian laboron.

## Estonteco de la katedro

La 11-an de aprilo, la kuratoraro unuanime rekomendis al la dekano de la humanisma fakultato, ke UvA ebligu la nomumon de d-ro Federico Gobbo el Italujo kiel speciala profesoro por la periodo de novembro 2013 al novembro 2018. La definitiva nomumo kaj profesorigo de Gobbo sekvos post la aprobo de la rekomendo fare de la estraro de UvA.

Mi mem ricevis la proponon, resti ligita dum pliaj kvin jaroj al UvA kiel 'emerita esploristo', kun laborloko (dividota kun aliaj emeritoj), alireblo al la biblioteko kaj interna UvA-reto, plua disponeblo de universitata retadreso kaj laŭokaze aliaj privilegioj. Unu mia projekto, kiun UvA volonte apogas, estas la bibliografia laboro pri interlingvistiko kaj esperantologio por la usona *Modern Language Association* MLA. Krom tio, mi planas plu dediĉi tempon al la priskribo de la Esperanta gramatiko laŭ la modelo de la Funkcia Diskurs-Gramatiko. Jam antaŭvidata paŝo sur tiu tereno estas la diskutigo kaj defendo de mia 30-paĝa kontribuo por la ateliero en Vieno (vidu supre) pri la sistemoj de derivado kaj kunmetado en Esperanto kaj, espereble, la sekva ellaboro de artikolo por esperantista aŭ neesperantista faka gazeto.

## Tiu ĉi lasta novaĵletero…

…estis sendita kiel alkroĉita cirkulero per retpoŝta mesaĝo al adresaro, kiu kreskis dum la jaroj kaj fine konsistis el jenaj ricevantoj:

Bakker, Ans: ten_hagen@concepts.nl.
Berveling, Gerrit: gerritberveling@ziggo.nl.
Biblioteko Hodler: sekretario@co.uea.org.
Blanke, Detlve: detlev@blanke-info.de.
Borsboom, Ed: ed.borsboom@versatel.nl.
Bos, Kees: cab.mbs@planet.nl.
Buijnsters, Piet: pbuyn@planet.nl.
Burg, Edwin: edw_burg@dse.nl.
Erasmus, Hans: hans.erasmus@zonnet.nl.
Esperanto Nederland: info@esperanto-info.nl.
Fiedler, Sabine: sfiedler@rz.uni-leipzig.de.
Gasper, Donald: don_gasper@hotmail.com.
Gobbo, Federico: federico.gobbo@gmail.com.
Haan, den; Adriaan: a.den.haan12@kpnplanet.nl.
Hagen, ten; Wald: kasisto@esperanto-nederland.nl.
Hoobroeckx, Joke: hbxd@freeler.nl.
Koutny, Ilona: koutny.ilona@gmail.com.
Kováts, Katalin: katalin.kovats@gmail.com.
Maier, Utho: Utho.Maier@htw-aalen.de.
Moerbeek, Rob: oovo14qh@kpnmail.nl.
Nourmont, Claude: moonmont@pt.lu.
Novello, Giorgio: giorgio.novello@sviluppoeconomico.gov.it.
Orellana Rojas, Atilio: atilioorellanarojas@gmail.com.
Rašić, Nikola: mostdebrug@gmail.com.
Schild, Frans: fransschild@gmail.com.
Smits, Simon: spsmits@hotmail.com.
Tonkin, Humphrey: tonkin@hartford.edu.
Witdoeckt, Flory: flory@witdoeckt.be.
Witkam, Toon: toon.witkam@planet.nl.

Post sia nomumo, Gobbo intencas daŭrigi la novaĵbultenon *La Amsterdama Katedro* en formo kaj laŭ periodeco, kiujn, evidente, li mem decidos. Tiuj, kiuj troviĝas en ĉi-supra adresaro, sen dubo aŭdos de li.

Wim Jansen, la 1-an de septembro 2013